# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

majo 2004




- ★ **Post la unua apliko de Esperanto en la Eŭropa Parlamento**
- ★ **Ĉu eblos civilservi en KroataEsperanto-Ligo?**
- ★ **Verkisto Predrag Matvejević antaŭparolas por la ĉina eldono de "7000 tagoj en Siberio"**
- ★ **Aperis nova Esperanta-kroata kaj kroata-Esperanta vortaro**
- ★ **Kroata Esperanto-Ligo repagis la unuan jaron de la loĝeja kredito**

# Karaj legantoj,

Karaj legantoj,

La Prezidantaro de KEL decidis en 2004 ne okazigi nacian kongreson, pro ŝparado. Kroata Esperanto-Ligo sukcesis repagi siajn ŝuldon en la unua, plej malfacila kreditjaro kaj eniras en la duan jaron de repagado. Ni mebligis la ejojn en Vodnikova kaj ludonis ilin, el kio ni ricevas 480 eŭrojn monate por repagi nian krediton. Ni lanĉis alvokon al la membroj por helpi pri la loĝejkredito. La kredito al KEL funkcias je kutimaj ekonomiaj principoj.

Kroata Esperanto-Ligo eniris kun Ministro pri defendo diskutojn por eventula aranĝo de civila servo en KEL. KEL serĉas interesiton.



*Nia membro Darko Blažić en 2005 vivos en Usono*

La impona manuskripto de la nova Esperanta-kroata vortaro de 900 paĝoj, kompilita de Lucija Borčić, estis transdonita al la presejo de Josip Pleadin. Dum ni cerbumas kiel solvi financojn por eldoni la plej grandan vortaron de Esperanto en la kroata, aperis eta vortaro de aŭtoroj Gurić, Kocian, Klobučar, Pleadin, kiun helpis eldoni Esperanto-Societo Rijeka, Esperanto-Societo "Liberiga Stelo" kaj Kroata Esperanto-Ligo kunlabore kun "Grafokom". Dum la antaŭpaga periodo KEL vendis la unuajn 92 ekzemplerojn.

Du membroj el Rijeka, Vjekoslav Morankić kaj Boris Di Costanzo post la entuziasmiga sperto en Eŭropa Parlamento en Bruselo, vigle aktivas kunlabore kun diversaj instancoj pri Esperanto kiel federacia lingvo de la Unuiĝinta Eŭropo.

En Kostrena sukcesis plua renkontiĝo de lernantoj de la elementaj lernejoj kiuj komparis siajn sciojn pri Esperanto. Detaloj venontnumere.

Verkisto Predrag Matvejević aŭtoris antaŭparolon por la ĉina eldono de "7000 tagoj en Siberio". Veterano de la japana Esperanto-Movado Kurisu Kei trovis subvencion por eldoni la verkon de Karlo Štajner en la ĉina en traduko de Shi Chengtai.

Domagoj Vidović kroatigis "Zamenhof-Strato"-n de Roman Dobrzińsky por la eldonejo Izvori.

Dekduo da membroj planas partopreni en UK Pekino por kiu Vida Jerman preparas novan teatraĵn de la kroata verkisto Miro Gavran.

Pri tio vi legos sur la printempaj paĝoj de nia revuo.

**Tempo**

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994.
Aperas laŭeble kvarfoje jare - Jaro XXIII, numero 1/2004
ISSN 0352-1583

**Redakcio:** Kneza Mislava 11/III,
HR-10000 Zagreb, Kroatio
**tel:** (385 1) 4617550, **fakso** (385 1) 4619373
rete: esperanto@zg.tel.hr
www.esperanto.hr
**Kontribuis:** Lucija Borčić, Ivo Borovečki, Peter Browne, Boris Di Costanzo, Antun Kovač, Kurisu Kei, Davor Grgat, Davor Klobučar, Vjekoslav Morankić, Vladimir Mužić, Vanja Radovanović, Shi Chengtai, Spomenka Štimec, Marcello Trampuh, Dag Treer
**Redaktoris:** Spomenka Štimec
**Grafike aranĝis:** Josip Pleadin
**Presis** Grafokom, Durdevac, grafokom@kc.htnet.hr
**Anonctarifo** 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR) 1/2 paĝo 500 kn (68 EUR),
**Abono:** 4 numeroj jare 40 kn (9,5 EUR)
unuopa numero 10 kn (1,5 EUR)

***La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la subskribitaj tekstoj.***

# POST LA UNUA APLIKO DE ESPERANTO EN LA EŬROPA PARLAMENTO

## Intervjuo kun la ĉestinto Vjekoslav Morankić



*Boris Di Costanzo kaj Vjekoslav Morankić en Bruselo*

**Demando (al Vjekoslav Morankić, vicprezidanto de KEL): Kia evento okazis en Bruselo la 7an kaj 8an de decembro 2003 en kiu vi persone partoprenis kun via samklubano Boris Di Costanzo?**

En Bruselo okazis granda Konferenco de Radikala Partio. Radikala Partio (ofte nomata ankaŭ Transnacia Radikala Partio) havis konferencon kies ĉefa temo estis demandoj ligitaj al Eŭropa Unio (EU). Precipe demandoj kiamaniere en estonto organizi Eŭropan Union, kian konstitucion ĝi devus havi kaj kiaj rilatoj regos en tiu komunumo inter popoloj kaj nacioj rilate al ekonomio, kulturo, socia vivo, lingvoj kaj aliaj aferoj. Do, demando estas kiaj rilatoj havas Esperanto-Movado kun tio. Boris Di Costanzo kaj mi forvojaĝis al Bruselo kiel esperantistoj por agi kaj labori por Esperanto.

Unue mi volus akcenti ke nek mi nek Boris estis membroj de Radikala Partio. La ĉefa afero kiu interesis nin estas establo de Eŭropa komitato por eksperimenta enkonduko de Esperanto en klerigan sistemon de Eŭropa Unio. Nome laŭ interkonsento de la ministrino por publika klerigo de Italio, Letizia Moratti, kaj Georgio Pagano, reprezentanto de Radikala Partio, oni devus fondi la komitaton en kiu devus esti reprezentantoj esperantistoj el ĉiuj nunaj ŝtatoj de EU kaj el la ŝtatoj kiuj baldaŭ fariĝos membroj de EU. Entute 25 da ili. Ni en Kroatio certe volas kunlabori je ĉiu projekto kiu koncernas instruadon de Esperanto en EU kaj pro tio ni ne volas esti ekster agado de eŭropanoj, sendepende kiu laboras je tiu kampo. Grandan kontribuon al la temo povus doni Eŭropa Esperanto-Unio (EEU), sed nia eŭropa Esperanta organizo nek havas homajn fortojn nek sufiĉan monon. Eksciinte pri la planota agado en Bruselo, kie estus fondota la Komitato, ni tuj komprenis ke tio povas esti utila por ni el Kroatio. Unue ni laborus por enkonduko de instruado de Esperanto en la lernejan sistemon de Eŭropo, kaj same kunlaborus en eŭropa projekto malgraŭ tio ke Kroatio ankoraŭ ne estas membro de Eŭropa Unio.

**Demando: Kial tiu politika konferenco gravis por Esperanto?**

Laŭ esperantisma starpunkto en Bruselo okazis du eventoj. La unua estas Konferenco de Transnacia Radikala Partio. La dua estas okazigo de fondiĝo de la Komitato por eksperimenta instruado de Esperanto en publika kleriga sistemo en ŝtatoj de EU. Ambaŭ eventoj estas por la Esperanto-movado gravaj. Por mi estas malfacile diri kiu estas pli grava.

Komencu ni per la Konferenco de radikaluloj. Unue mi volas akcenti ke radikaluloj havas en Eŭropa parlamento 6 deputitojn. Pro tio ni devus konsideri ke temas tamen pri signifa partio. La temo de la konferenco estis *Reformo kaj kontraŭreformo de Eŭropa Unio*. Do temis pri vere politikaj demandoj kiuj koncernas nian futuron en Eŭropa Unio. Sed la konferenco traktis ankaŭ lingvajn demandojn en Eŭropa Unio. Pro tio, ĉar la radikaluloj havas revoluciajn starpunktojn tiurilate, precipe per subteno de Esperanto kiel tuteŭropa federala lingvo, ja du punktoj de tagordo inter 11 punktoj temis pri Esperanto. Same inter 4 komisionoj de la konferenco, unu estis Komisio pri eŭropa federala lingvo kiu por tiu celo elektis Esperanton. Tiu kvara komisiono estis konstituiga por fondiĝo de la komitato por instruado de Esperanto. La konferencon de Radikala Partio en Bruselo ĉeestis ĉirkaŭ 500 delegitoj kaj gastoj inter kiuj kvindeko da esperantistoj. Ĉeestis prezidanto Marko Panela kaj deputitoj de la radikaloj en Eŭropa Parlamento. Por Esperanto gravis en la konferenco ke unu de la oficialaj lingvoj de la konferenco estis Esperanto. Se temas pri tio, ĉiuj paroladoj estis dum du tagoj konstante simultane tradukataj ankaŭ en Esperanton. La duan tagon la konferenco okazadis en la malgranda halo (ĉirkaŭ 400 sidlokoj) en Sidejo de Eŭropa Parlamento. Tiam la unuan fojon en historio de la traduka servo de Eŭropa Parlamento oni sukcesis el Esperanto simultane tradukadi referaĵon de la kvara komisiono en kvin aliajn oficialajn lingvojn (itala, hispana, franca, angla kaj germana). Nomale Ranieri Clerici en la nomo de la kvara komisiono pri eŭropa federala lingvo referis en Esperanto.

Oni povas starigi demandon kial radikaluloj elektis Esperanton, uzas ĝin oficiale kaj proponas kiel eŭropan federalan lingvon. Por ili tio estas politika, kultura lingvo kaj vere eŭropa demando. Radikaluloj ne deziras EU, kiu devas esti kiel Usono, kie ĉiu usonano devas scii denaske la anglan kaj fariĝi vera usonano. Ni en Eŭropo ne volas ekesti usonanoj. Ni deziras resti italoj, francoj, hispanoj k.t.p. kaj pro tio nia eŭropa identeco nek povas esti bazita sur la angla hegemonia lingvo, nek oni povas akcepti iun nacian lingvon ĉu hegemonian aŭ ne. La starpunkto de radikaluloj estas, ke nur nacie neŭtrala lingvo povas servi por evoluigi veran eŭropan identecon kaj eŭropan patrujecon, pro tio oni elektis Esperanton. Iu el diskutantoj diris: "Ne estas ni esperantistoj. Pri Esperanto zorgu esperantistoj mem. Ni akceptas Esperanton kiel eŭropan federalan lingvon ĉar tiu lingvo povas garantii egalrajtecojn inter eŭropaj popoloj kaj krei veran eŭropan identecon." Ekzistas ankaŭ pluraj aliaj argumentoj, sed la radikaluloj decidis tiel kaj akceptis Esperanton por tiu celo. Se mi volus tion komenti, mi povas esti por aŭ kontraŭ, sed estas fakto ke Esperanto estis akceptita kaj uzata de unu politika partio kiu interalie havas deputitojn en Eŭropa Parlamento.

Revenu ni al la Komitato: mi kaj Boris Di Costanzo kiel kroatoj ne povis esti membroj de la komitato sed oni decidis ke reprezentatoj de aliaj ŝtatoj en Eŭropo estu kunlaborantoj de la komitato. Tiel ni kunlaboras.

**Demando: Ĉu ekzistas aliaj politikaj instancoj krom Radikala Partio kiuj pledas por Esperanto en Eŭropo?**

Pri rekta engaĝiĝo de iu alia partio aparte, mi ne scias, sed batalo por Esperanto okazas konstante en Eŭropo. Ĝin faras desube sennombraj esperantistoj - aktivuloj, volontuloj, instruistoj, verkistoj, organizantoj, societoj, kluboj, landaj asocioj, Eŭropa Esperanto-Unio kaj tiel plu. Do la batalo estas vasta je ĉiuj kampoj. Grave estas ke oni por Esperanto agas ankaŭ inter deputitoj de Eŭropa Parlamento. En tiu agado estas engaĝita ne nur esperantistoj kaj ne nur radikaluloj sed multaj aliaj. Ekzemple en Eŭropa Parlamento en Komisiono pri konstituci-aferoj amendoj kontraŭ Esperanto estis voĉdonitaj per 14 kontraŭ 12, malfavore al Esperanto. La batalon por Esperanto oni daŭrigas: oni intencas doni alian kontraŭamedon kaj je tiu laboroj laboras multaj sendepende de tio al kiuj politikaj tendencoj iu aparetenas. Ekaperis eĉ komentoj: "ke dekstruloj en Eŭropo denove atakas Esperanton". Ŝajnas ke Esperanto nun ne estas en la pozicio ke oni diskutas ĉu ĝi valoras aŭ ĉu ĝi estas inda, sed fakte estas en pozicio ke iuj politikaj tendencoj komprenis pri kio temas kaj nun timas Esperanton. Ni povas konkludi ke ne temas nur pri batalo por Esperanto sed ankau pri batalo kontrau ĝi.

*Intervjuis Spomenka Štimec*

# INVITO HELPI AL KROATA ESPERANTO-LIGO REPAGI LA KREDITON POR VODNIKOVA 9

Karaj membroj, karaj geamikoj,

En aprilo finiĝis la unua el 9 jaroj dum kiuj ni devas repagi krediton al Raiffeisen.

Ni eniras la duan jaron de nia kredito! Restas pliaj 8 jaroj entute.

Ni dankas tre kore al ĉiuj el vi kiuj subtenis la repagadon de la kredito. Inter aprilo 2003 kaj aprilo 2004 ni sukcese repagis:

- 12 partopagojn al Raiffeisen Banko por nia plej granda kredito de 50.500 eŭroj
- nian ŝuldon al Tonko Francesković (loĝejvendinto)
- 1 partopagon al Universala Esperanto-Asocio
- 10.000 eŭrojn al Raiffeisen por repagi la ĉefkapitalon kaj malgrandigi la monatan pagon.

La banka aranĝo postulas de ni pagi en la unuaj jaroj pli grandajn monatajn partopagojn ol en la lastaj. La partopago en la unua jaro estis 800 eŭrojn, en la lasta jaro estos 467 eŭrojn. Pro tio en la komencaj jaroj estas al ni malfacile repagadi la krediton, des pli ĉar en la sama jaro ni devis ankaŭ investi en renovigadon de la ejo.

En la pasinta jaro financan helpon por Vodnikova 9 donis entute 55 membroj. Pluaj 15 membroj per siaj mebloj helpis mebligi Vodnikova.

Tute apartan helpon ni ricevis de Esperanto-Societo Rijeka, kiu transprenis la taskon monate helpi per kredito de 300 eŭroj – kiam KEL mem ne kapablos pagi la partopagojn.

Povus okazi ke en la venontaj monatoj mankos al ni 50-100 eŭroj monate kaj tial ni turnas nin al vi kun la peto helpi.

Inter niaj membroj troviĝas pluraj kiuj povus monate doni 10-30 eŭrojn. Pluraj tiaj membroj-helpantoj helpus al ni senĝene redoni la krediton.

Ni ne supozas ke vi financus nin sen repago.

Ni invitas vin partopreni en ESPERANTA KREDITO por Vodnikova 9.

## KREDITO POR VODNIKOVA 9

Ni proponas la jenajn kondiĉojn de la kredito:

La krediton oni pagas per kunaoj. Repagoj sekvos en kunaoj. La kalkulunuo pri la kreditoj estas eŭro. Interezoj estos repagotaj laŭ meza kurzo de Kroata Nacia Banko en la tago de la enpago/ kalkulado. La plej malgranda sumo por helpi estas 10 eŭroj. (Por eviti administran laboron por malgrandaj pagoj).

Por la enpagitaj sumoj oni kalkulos 6% da interezo jare. Por la sumo malpli ol 200 eŭroj la interezo aldoniĝos al la ĉefkapitalo.

Por pli grandaj sumoj (kaj por etaj sumoj kiam ili kune sumiĝos al 200 eŭroj) la interezo estos kalkulota la 31-an de decembro (aŭ aldonota al la ĉefkapitalo, depende de la deziro de kreditdonanto).

La kredito t.e. la ĉefa enpago (kun eventualaj aldonaj interezoj) estos repagota ekde la 31-a de marto 2012.

Por eventuala kredito pli granda ol 1000 eŭroj, repagenda dum mapli ol 5 jaroj, oni traktos per aparta kredito.

Kun esperantistoj-membroj kiuj aliĝos al la kredito, KEL subskribos kreditkontrakton

Tio estas la unuan fojon en multjara tradicio de nia asocio, ke KEL povas agi kredite laŭ ekonomiaj principoj.

Ni esperas ke vin motivigos emocioj por nia komuna ejo en Vodnikova 9 kaj ne interezoj!

Tre kore ni dankas pro via pozitiva decido pri nia nemoveblaĵo!

La Prezidantaro de KEL

# UEA HELPAS KREDITE

Universala Esperanto-Asocio permesis pagi kredite la rimedojn troviĝantaj en la kongresa kaso post la finkalkulo pri Universala Kongreso de Esperanto 2001. Dum la venontaj 8 jaroj KEL repagos per dufoja jara pago la sumon. Tiamaniere efektiviĝis grava helpo al KEL okaze de la aĉeto de KEL-ejo.

# VODNIKOVA 9 MEBLITA!

Nia estonta ejo en Vodnikova 9 jam funkcias.

Post kiam ni renovigis la elektrajn instalaĵojn, murojn kaj plankojn, ni mebligis la ejon. Granda danko iras al la membroj kiuj helpis ekipi la novan loĝejon:

***Ranka Mraković:*** lito, 4 ŝranketoj, lavmaŝino, lampo, kurtenpendigilo, vazaro
***Mira Manner-Matanović:*** lampo, matraco, seĝo, kurtenoj, kuseno, kovrilo
***Bojana Duričić:*** ŝranko, tablo
***Spomenka Štimec:*** tapiŝo, tablo, kuireja lavujo, kafomaŝino
***Neven Kovačić:*** fridujo
***Siniša Dvornik:*** kuirforno
***Mladenka Đaković:*** du tapiŝoj
***Branka Čečuk:*** matraco
***Sava Matetić-Lučić:*** ŝranko, seĝo
***Nedeljko Korasić:*** tablo
***Dinka Šimunić:*** tablotukoj
***Rudi Hahn:*** tablo
***Biba Rožić-Šutej:*** kurtenpendigilo
***Esperanto-Societo "Bude Borjan":*** 3 seĝoj
***KEL:*** tablo, du foteloj

KEL aĉetis 4 novajn litojn, 1 ŝrankon, litaĵon, du lampojn kaj du kovrilojn kaj bretojn el kiu Davor Štimec produktis kuirejajn ŝrankojn kaj ĉambran ŝrankegon.

La meblojn transportis Nedeljko Korasić kaj Siniša Dvornik. La kurtenojn kudris Jadranka Farszky. Pri la malmuntado de la malnova forno zorgis Nedeljko Korasić.

Per kunlaboro de dekkvino da homoj la ejoj estas rapide kaj bele ekipitaj. La novaj loĝantoj enportis TV-aparaton kaj radioricevilojn (pri kiuj la najbaroj ne aparte ĝojis.)

Ni deziras similajn loĝejajn plezurojn ankaŭ al aliaj landaj asocioj.

*S. Štimec*



*Kuirejo en Vodnikova 9*

## Helpo por Vodnikova 9

| | |
|---|---|
| 49. Mia Casey | 71,89 eŭrojn |
| 50. Nikola Rašić | 27,00 eŭrojn |
| 51. Kresimir Barković | 15,00 eŭrojn |
| 52. Stjepan Maltar | 10,00 eŭrojn |
| 53. Rudolf Hahn | 20,00 eŭrojn |
| 54. Damir Mikuličić | 403,90 eŭrojn |
| 55. Ljerka Stilinović | 38,42 eŭrojn |
| 56. Esperanto-Societo "Bude Borjan" | 4.000,00 eŭrojn |
| 57. Mira Manner-Matanović | 417,22 eŭrojn |
| 58. Kikuŝima Kazuko | 387,13 eŭrojn |
| Entute: | 6.701,61 eŭrojn |

## Kredito por Vodnikova 9

| | |
|---|---|
| 1. Sava Matetić | 87,46 eŭrojn |
| 2. Ivo Puharić | 13,45 eŭrojn |
| 3. Danijela Drakula | 26,90 eŭrojn |
| 4. Mladenka Đaković | 13,45 eŭrojn |
| 5. Ante Bućan | 26,90 eŭrojn |
| 6. Velimir Majdak | 13,45 eŭrojn |
| 7. Vlado Jurković | 13,45 eŭrojn |
| 8. Jerko Baković | 40,37 eŭrojn |
| 9. Marija Benc | 6,72 eŭrojn |
| 10. Dubravka Šporčić | 10,00 eŭrojn |
| 11. Marta Manojlović | 6,72 eŭrojn |
| 12. Ivan Špoljarec | 10,00 eŭrojn |
| 13. Aleksandar Kocian | 53,80 eŭrojn |
| 14. Dinka Šimunić | 26,90 eŭrojn |
| 15. Stanko Rukelj | 10,14 eŭrojn |
| Entute: | 359,73 eŭrojn |



# MANUSKRIPTO DE GRANDA VORTARO ESPERANTA-KROATA PRETAS

Lucija Borčić, honora membro de UEA, finis mirindan laboron. Ŝi pretigis 970 paĝan manuskripton pri Esperanta-kroata vortaro. La laboron ŝi faris dum tri jaroj. Ŝi laboris sen komputilo, kun helpo de du gravaj konsilantoj Ivo Borovečki por medicino kaj anatomio kaj Marija Toplak por botaniko kaj biologio. La komputila fako de la vortaro devas esti ankoraŭ prilaborata. Lucija uzis la novan PIV enkonstruante en la estontan kroatan vortaron ĉ. 2000 pliajn ne-PIVajn vortojn. La vortaro ne enhavas proprajn nomojn, ankaŭ ne geografiajn nomojn de urboj, montoj kaj riveroj. Kompreneble en ĝi enestas la landonomoj kaj ankaŭ mitologiaj nomoj.

Kiam la vortaro estos preta ĝi ampleksos ĉ. 700 paĝoj. Tio estas la plej granda Esperanta-kroata vortaro en la historio de Esperanto en Kroatio.

Dum sia sindonema laboro Lucija Borčić kreis unikan kromrezultojn - notojn por la inversa kroata-Esperanta vortaro.

Josip Pleadin transprenis la imponan manuskripton de la vortaro kaj faras la unuajn paŝojn por realigi ĝian aperon. Sed por tion fari necesas impona kapitalo, ĉe kies kolektiĝo ni ĉiuj devas helpi.

Post tiom da tradukitaj verkoj, post tiom da energio investita en la vivon de Esperanto en Zagrebo, jen Lucija Borčić enmasonis en la kroatan Esperantan komunumon sian ĉefverkon.

Bonvenon al la Borčić-vortaro! Ĝi ne povos aperi sen niaj abonoj. Nur ili povas helpi realigi ĝian aperon. Ĉiu Esperanta adreso en Kroatio devus estonte havi la Borčić-Vortaron.

La "malgrandan vortaron" kroatan-Esperantan kaj Esperantan-kroatan, kiu nun surmerkatiĝis, presita de Grafokom, ĉe KEL mendis en 2003 - 92 personoj. La lanĉo okazis la 31an de marto 2004 en Zagrebo. Ni havas certan merkaton kiun ni ne neglektu.

*S. Štimec*

753.

rokfort-o (kul) rokfor (roquefort) francuski meki ob?ji sir sa zelenim gljivicama plijesni.
rokok-o (lik) rokoko, smjer u umjetnosti druge polovine 18.st.; ukrasni oblici, meke boje, kićenost.
roku-o (kem) crvena boja koja se dobiva ekstrakcijom iz sjemenki orelana; upotrebljava se u prehrambenoj industriji; -arbo = bikso.
rol-o 1. uloga; 2. zadatak, dužnost; -ulo glumac u odredjenoj ulozi; ĉef-ulo glumac koji igra glavnu ulogu; -i glumiti, igrati neku ulogu, vršiti odredjeni zadatak, dužnost.
Rom-o (pov) Rim , glavni grad nekadašnjeg Rimskog carstva, danas glavni gra Italije; -ano rimljanin; -ana starorimski, romanski; -io (pov) Rimsko carstvo; -iano žitelj Rimskog carstva; -anigi romanizirati -anismo rimska civilizacija i svjetonazor; -anisto stručnjak za romanske jezike;
rom-o* (inf) rom, akronim engleskog "read only memory" = nur legebla memoro = samo čitana memorija.
roma-o = cigano
roman-o roman 1. (knjiž) dulji prozni, pripovjedački oblik u kojem se prikazuju složeni procesi života; 2. (pren) uzbudljiv, zanimljiv splet dogadjaja; -a romanski, koji se odnosi na roman; -eca koji sadrži svojstva romana; -eska romanesken, koji je poput romana; -isto romanopisac.
romanc-o romanca 1.(knjiž) epsko-lirska ljubavna pjesma vedre završetk 2.(glazb) a.(pov) od 15. do 18. st. vokalna skladba temeljena na tradiciji španjolske romance; b. instrumentalni stavak slobodnoga pjevnog ili lirskog značaja; c. kraća solistička skladba za glasovir ili violinu u romantizmu; -aro zbirka romanci
Romanĉ-o Romanč, pripadnik retoromanskog naroda u Švicarskoj; -a,reti- retoromanski (jezik)
Romand-o Romand, švicarac francuskog jezičnog područja; -a švicarski dijalekt francuskog jezika.
romanik-a romanički, koji se odnosi na romaniku; -o romanika 1. (ling prvotni francuski jezik, od 10. do 15. st., od kojeg je nastao današnji francuski; 2. (gradj/lik) stil u europskoj likovnoj umjetnosti od 10. do 13. st., s polukružnim lukom, bačvastim svodom i kockastim kapitelom u arhitekturi te shematiziranim oblicima u kiparstvu i slikarstvu.
romantik-a romantičan, koji je u duhu romantike; -o,-ismo (knjiž/lik/glazb) romantika, romantizam, europski umjetnički pokret, nastao potkraj 18. st. utemeljen na antiklasicizmu, individualizmu, isticanju osjećajnoga i potiskivanju racionalnog, kultu prirode, istočnjačke kulture i narodnih umjetnosti; -isto,-ulo romantik, romantičar.

*Unu el la 970 tajpitaj paĝoj de la manuskripto*

## EKSKURSO AL OLIVARBOJ EN ISTRIO

En Kaštelir, en Istrio, en la bieno de Marcello Trampuh, okazis la 17an kaj 18an de aprilo plantado de olivarbo nomata Zamenhof. En la sama loko dum la lastaj jaroj estis plantitaj pluraj olivarboj rilatantaj al Esperanto: Hamburgo, Triesto, Rijeka, Kawasaki, Kroatio. La plantado ĉiam okazas en ĉeesto de esperantistoj.
Por sia ideo pri publika plantado de olivarboj, nomitaj per geografia loko kies loĝantoj ĉeestas la feston de plantado, Marcello Trampuh gajnis premion de Turisma Asocio de Istria Depertamento.
**http://kastelir-hr-free.com/olivarboj2,htm**



*Fotis: Boris Di Costanzo*

## BROŜURO PRI PROFESORO VLADIMIR MUŽIĆ



Filozofia fakultato en Zagreb eldonis en 2003 broŝuron pri prof. D-ro Vladimir Mužić okaze de lia kvindekjara jubileo: jam kvindek jarojn li laboras en pedagogia kampo. Preskaŭ la tutan sian laborperiodon prof. Mužić pasigis en Filozofia fakultato de Universitato en Zagrebo. Li okupiĝis pri scienca kampo kaj instruado en Zagreb, Zadar, Pula. La ĉefa linio de lia laboro estas antaŭenigo de eduk-kleriga laboro. Li publikigis multajn verkojn el diversaj kampoj de pedagogio. Nun li estas nomumita *professor emeritus.*

Li estis dekano de Filozofia fakultato en la tempo 1980-1982.

En lia biografio gravan rolon okupas laboro por Esperanto, pri kiu atestas la eldonita broŝuro per informoj kaj fotoj. Li estas membro de Akademio Internacia de la Sciencoj kie li de 1985 ĝis 1991 estis dekano de Cibernetika Fako kaj membro de Senato. Li estas ankaŭ dumviva honora membro de la Akademio.



*Kaja Farszky*

## DRAMA GRUPO DE SEK HAVAS NOVAN TEATRAĴON

Jam tradicie Drama Grupo de SEK partoprenas en la jara renkontiĝo de urbaj amatoraj teatraj ensembloj, nomata SKAZ. Ĉi-jare SEK elpaŝis kun sia nova tetraĵo "Ne merdu – aŭ grimpo kaj malgrimpo de altrangulo M. en tridek bildoj". Vanja Radovanović, kiu gvidas la ensemblon en la lastaj jaroj, ankaŭ ĉi-jare aperas kiel aŭtoro kaj reĝisoro de la teatraĵo. La teatraĵo havis sian lanĉon la 18an de marto 2004. La Ĵurio laŭdis la ideojn pri la teatraĵo sed kritikis la nesufiĉan teatran esprimon.

## ESPERANTO EN HTV

Kaja Farszky, nia 16-jara membro, lernanto en muziklernejo, gastis en TV-programo. Ŝi interalie muzikas je marimbo, la afrikdevena instrumento kiun ŝi prezentis al zagrebaj esperantistoj por Zamenhof-tago 2003. En TV-programo pri junaj muzikistoj ŝi partoprenis la 20an de januaro 2004. Ŝi havis la okazon paroli ne nur pri muziko sed ankaŭ pri sia alia hobio, Esperanto, menciinte interalie, ke ŝi partoprenis en Internacia Vespero de Universala Kongreso en Gotenburgo. En marto 2003 Kaja venkis en internacia konkursa de junaj muzikistoj en Varaždin gajninte 90,20 el eblaj 100 poentoj.

En novembro 2003 ni havis interesan koincidon: Esperanto gastis samtage en du diversaj elsendoj: En TV NET Judita Rey parolis pri Esperantaj aktivecoj de nia membro Goran Lakotić, invalida junulo kiu interalie okupiĝas pri tradukado el/al Esperanto. Lia poemo "Mia espero" estis voĉe prezentita en Esperanto. La elsendo la 28an de novembro 2003 okazis lige al lia literatura vespero en Biblioteko Kutina, la 27an de novembro titolita "Tago post tago".

Kroata verkistino Željka Čorak samtage gastis en kultura programo dediĉita al poeto Dragutin Tadijanović. Ŝi rakontis interalie, ke junaĝe ŝi mem tradukis lian poemon "Longe en nokt' dum vintra longa nokt' ". La spektantoj povis aŭdi en Esperanto la komencajn versojn de la poemo.

## KROATOJ EN LA PEKINA KONGRESO

Dekok kroataj esperantistoj planas partoprenon en la 89a Universala Kongreso de Esperanto en Pekino. La plej grandan kontribuon al la Kongreso planas aktorino Vida Jerman, kiu por la kongresa programo prepras teatraĵon de Miro Gavran "Judita". La teatraĵon tradukis Danijela Drakula.

Sur la foto de Davor Grgat: la lastjara multpersona kroata karavano al Gotenburgo.



## MIRO EN PULA

Marturisma Internacia Renkontiĝo - MIRO, organizita de Kroata Esperanto-Junulara Asocio (KEJA) ĉi-jare okazis en Pula de la 1a ĝis la 6a de aprilo. La renkontiĝo okazis en la golfo Valsaline. Urba ludo, biciklado, konatiĝo kun la endemaj plantoj, vizito al la ŝipfarejo "Uljanik", jen parto de la programo. Partoprenintoj el kelkaj landoj havis la okazon spertiĝi pri la temo kiel hoteloj prizorgas sian rubaĵon.

La ekskurso gvidis al insularo Brijuni.

## TEJO-SEMINARIO EN SARAJEVO

Grupo de kvar junaj esperantistoj el la zagreba Studenta Esperanto-Klubo partoprenis de la 21a ĝis la 28a de marto en Sarajevo TEJO-seminarion Esperanto @Interreto. Temis pri seminario pri interkultura lernado kaj edukado. Estis traktita ĝenerala temo kiel prezenti interkulturon. Estis studita ankaŭ la fenomeno de interkulturo.net.

Laŭ elekto la gejunuloj povis lerni pri projektmastrumado, pri Eŭropa programo pri Junularo kaj Eŭropa Junulara Fondaĵo. Kiel gvidi grupojn? Kiel organizi aranĝojn? Jen kelkaj pliaj temoj traktitaj.

Kadre de la instruado oni lernis pri instrumetodoj kaj instruiloj, praktikis instrumetodon kaj lernis kiel okazigi ekzamenojn kaj pritaksi la scion de lernantoj.

La aranĝo estis komuna laboro de Esperantic Studies Fondation (ESF), ILEI kaj TEJO.

*Dag Treer*

## LA PREZIDENTO DE HUNGARA RESPUBLIKO FERENC MADL DANKAS

Post kiam en Gliwice en Pollando okazis Mezeŭropa konsultiĝo, kiun partoprenis ankaŭ la kroata delegacio, kaj post kiam la tiea rezolucio estis sendita al la adresoj de la ĉefaj politikistoj de la mezŭropaj ŝtatoj, venis la respondo de la prezidento de Hungara Respubliko s-ro Ferenc Madl. La Prezidento ĝentile dankas: "Sincera preferanto kaj kompleza apoganto mi estas de ĉiuj tiaj kunlaboroj, kiuj servas en la mondo kaj en Eŭropo – precipe nin, la loĝantojn de mezeŭropa regiono kunligitaj per pluraj historiaj fadenoj – la kunlaboron, kaj donas efikan helpon al la civitanoj por ke ili kunlaboru tra la "aerumiĝantaj" limoj pere de personaj kontaktoj, kaj sekve ĝi riĉiĝu, kaj mi apogas ankaŭ tion, ke via laboro estu pli kompleta. Ĉar sendube granda obstaklo de ĉiuj kunlaboroj estas la manko de komuna lingvo, sekve miaflanke – en konsento kun vi - ankaŭ mi taksas rajto de minoritato uzi sian lingvon, kaj mi subtenas ankaŭ viajn klopodojn ankaŭ por agnoskigi la rajton de naciaj lingvoj uzi sian lingvon, kaj ankaŭ tiujn viajn klopodojn, ke Esperanto ricevu pli da rolo ol la nuna kaj en la lingvoinstruado kaj en la aplikado en internaciaj forumoj."

*Esperantigis Oszkár Princz*

## MEMBRO DE FRANCA AKADEMIO PRI ESPERANTO

Miroslav Radman estas kroata sciencisto kiu gvidas Fakon pri evolucia kaj medicina molekula genetiko en Fakultato Necker en Parizo. Lastatempe li eldonis kroatlingvan libron "La homo kiu detruis la genetikan muron" en kiu troveblas liaj intervjuoj kaj artikoloj. La libro estis eldonita ĉe "Izvori" en Zagreb, la eldonejo kiu plurfoje eldonas en Esperanto kaj kies posedanto estas esperantisto Damir Mikuličić.

En la libro troveblas ĉapitro kiu mencias Esperanton. Miroslav Radman estas lastatempe elektita por speciala konsilanto pri scienco de la kroata ĉefministro Ivo Sanader. Li estas ankaŭ membro de Franca Akademio pri Sciencoj.

Jen la elĉerpaĵo pri Esperanto:

"El la ideala vidpunkto (sed ne nepre devas esti tiel) por internacia komerca komunikado oni povus apliku unikan, simplan kaj "neŭtralan" lingvon, do, la lingvon kiu protektas neniun specialan kulturon, lingvon kiu estas fremda al ĉiuj, kiel ekzemple la latina, aŭ eĉ tute artefaritan lingvon, kia estas la malfeliĉa Esperanto. (Mi persone ŝatas la anglan, sed la angla nepre favoras la landojn kie ĝi estas parolata - tio estas la ŝarĝo kun kiu ni povus vivi dum certa tempo, se konsideri kiom grandas aliaj problemoj.)

La scio de tia internacia lingvo, samkiel la lernado de la aliaj lingvoj, estus la ŝlosila punkto por la kutlura evolucio pere de mekanismo de kultura mozaikeco".

Spomenka Štimec

(la originalo de la manuskripto estis en la angla)



## RENÉ MATOUŠEK RICEVIS SIAN BUSTON

Skulptisto Mladen Mikulin el Vukovina kreis belan skulptaĵon de René Matoušek, laŭ iniciato de grupo da urbanoj el Velika Gorica, kie René loĝis dum siaj studjaroj kaj prezidis Esperantan Societon. La skulptaĵo estis preta en 2003. La skulptisto kreis ankaŭ ĝemelan buston de Siniša Glavašević, ĵurnalisto de Radio-Vukovar kiu pereis en 1991. La paro da skulptaĵoj devis esti starigitaj en Vukovar ĉe la gimnazio kiun la du junaj homoj frekventis. Ili ankoraŭ ne troviĝas en Vukovar. Provizore ili staras en Domo de ĵurnalistoj en Zagrebo, atendante ke kreiĝu la kondiĉoj por ilia starigo en Vukovar.

Kroata Esperanto-Ligo skribis al la urbestro de Vukovar petante informon kiam la skulptaĵo de René ricevos sian lokon en Vukovar.

S. Štimec vizitis la skulptaĵon pri René en Domo de ĵurnalistoj kaj fotis ĝin dum la atendado de definitiva loko en Vukovar.

## FRANCIO KAJ SENMINIGO EN KROATIO

Membro de Sennacieca Asocio Tutmonda André Weiss efektivigis belan laboron en la kampo de senminigo de Kroatio. Li kun helpo de KEL kreis 20-paĝan dokumenton francan kaj Esperantan pri senminigo en Kroatio. Franca deputito François Rochebloine surbaze de la dokumento apogis nian kunlaboron pri kiu diskutis la 18an de februaro 2004 en sia ĝenerala kunveno franca Nacia Komisiono pri la Elimino de Kontraŭpersonaj Minoj. Laŭ la raporto de la Nacia Komisiono sumo de 100.000 eŭroj estis donitaj en 2003 por senminigo de Vukovar, efektivigita per Centro por senminigo kun la sidejo en Sisak. Por la jaro 2004 Francio planas doni 40.000 eŭrojn por senminigo de Kroatio, sed per interveno de André Weiss ĝi kreskis al 100.000 eŭroj.

Kroatio devus esti senminigita ĝis la jaro 2010, laŭ la Konsento de Otavo. Ĉu Kroatio sukcesos observi tiun deklaron?

Estas interese konstati ke membro de KEl Miro Jelkovac mem suferis de minoj en siaj kampoj en la vilaĝo Skakavac ĉe la rivero Kupa. La kampojn li senminigis kun fakuloj per privata iniciato.

*S. Štimec*

## VERKISTO AULD KANDIDATAS

**Kial mi proponas Auld por la Nobelpremio?**

Grandaj verkistoj estas kunkreantoj de la lingvo mem. Sen la influo de Hemingway, la evoluo de la angla en la 20a jarcento sendube estus iom alidirekta, ne trovis la samajn vojojn de koncizo kaj sugesto. Same Esperanto sen la daŭra influo de Auld ne estus ĝuste la sama. kaj verse kaj proze, Auld estas ĉefa kunkrenato de la moderna Esperanto. Fakte, aliaj kunkreantoj (mi nomu ekzemple Edwin de Kock) pli-malpliu evoluas sub lia ombro. Esperanto estas ankoraŭ kaj verkare kaj parolantare malgranda lingvo. Tamen ĝi ne estas multe pli malgranda ol la lingvoj de kelkaj signifaj nacioj. Se iu verkisto konstateble kaj signife kontribuus al la evoluo de la estona, ĉu ne tiu meritus Nobelpremion?

***La Infana Raso*** de Auld estas en si mem meritoplena poemaro, kies nivelo ne multe malsuperas tiun de niaj elstaraj usonaj poetoj: E. E. Cummings, William Carlos Williams, Robert Frost, kaj aliaj. Sed kiel unuela poeto, lia eventuala influo sur la lingvon en kiu li elektis verki estas relative pli granda ol ĉe la menciitaj. Poeto prilaboras sonojn; Auld prilaboras la sonojn de lingvo Esperanto, tiel evoluigante ĝin, igante ke ĝi sonu tutmoderne. Ne nur nin li edukas; li edukas la lingvon mem.

Se Auld evoluigas la lingvon sur la tereno de la poezio, same kaj samgrade li faras sur la tereno de la prozo, tamen, ĉefe per traduk-laboro. Nuntempe mi preferas legi***La mastro de la ringoj*** en Esperanto kaj ne en la angla. Kial ĝuste? Preskaŭ ĉiu scias ke tiu trilogio de J. R. R. Tolkien finfine servis kiel bazo por unu el la plej multekostaj kinaĵoj iam filmitaj. Tiu kinaĵo estas ĉefe en la angla, kun iom da dialogo en la elfa kaj orka. Sed la angla de J. R. R. Tolkien, kvankam tre bela, ne antaŭenpuŝas la lingvon, kontraŭe la verkanto rifuĝas en la anglan lingvaĵon tute arkaikan, tute alijarcentan, kio siavice invitas fortajn sindetenojn far kritikistoj. Male en sia majstra traduko de la tri romanoj, Auld antaŭenpuŝas la esprimivon kaj semantikon de Esperanto, kreante precipe tutan serion de esprimoj el la sufiksa radiko "mis" (eĉ la substantivo "misulo").

La lingvo Esperanto estas juna. Ĝi evoluas per la parolantaro mem, per niaj revuoj, per aliaj aŭtoroj. Sed post Zamenhof mem, Auld estas la individua homo kiu probable plej kontribuis (kaj ankoraŭ kontribuas) al ĝia evoluo. Pri lia merito ne povas esti dubo.

*Peter Browne*
*prof. de hispana literaturo*
*Universitato de Teksaso-Pan-Amerika*

## ĈU EBLOS CIVILE SERVI EN KROATA ESPERANTO-LIGO?

Kroata Esperanto-Ligo ektraktis kun Ministerio pri defendo de Respubliko Kroatio pri ebla civila servo en KEL. La kondiĉoj estas favoraj. KEL serĉas kandidaton, kaj kiam tiu troviĝos eblos eniri la duan ŝtupon de la traktado.

**Tatjana Gromača**

## ĈU VI AŬDAS MIN?

Ne dormemu nun.
Ne trenaĉu vin paŭta kiel luneklipso.
Ne pensu pri tio. Ne estu tia.
Jen ĉi spaco, ĝi havas milojn da aĵoj kiujn vi povas enmanigi.
Jen ĉi polvosuĉilo. Prenu almenaŭ ĝin kaj trenu ĝin loĝeje.
Ĝi 'stas olda sed obeema.

Ĉu vi aŭdas min, ne jam ekdormu!
Certe en ĉio devas esti io bona.

Mi kuiros por ni ion varman.
Mi plenigos la bankuvon kaj enmetos multe da ŝaŭmo.
Ekzistas pluraj manieroj travivi ĉi tagon.
Mi sentas kvazaŭ ni ĵus atingus la Teron.

*El la kroata tradukis:*
*Ivo Borovečki*

***Tatjana Gromača** (naskiĝis en 1971), juna kroata poetino. Aperis du ŝiaj poemaroj kaj romano "Negro".*

# SEP MIL TAGOJ EN SIBERIO

En Ĉinio tradukisto de la libro "7000 tagoj en Siberio" en la ĉinan, Shi Chengtai traktas kun ĉina eldonejo por eldono de la verko en la ĉina. La monon por la ĉina eldono de "7000 tagoj en Siberio" prizorgis Kurisu Kei per Japana-Ĉina-amikeco kaj pluraj aliaj subtenantoj.

Prof. Predrag Matvejević volonte akceptis cedi al ni por la ĉina eldono sian tekston pri "7000 tagoj en Siberio", kiu estis publikigita en "La Orienta Epistolaro" ĉe Ceres en Zagrebo. La teksto de Predrag Matvejević nun servu kiel ĉinlingva enkonduko en la verkon "7000 tagoj en Siberio".

Mi konatiĝis kun Karlo Štajner fine de la sepdekaj jaroj en Zagrebo. Li konatiĝis en Siberio kun mia onklo Vladimir Nikolajevič Matvejevič. Tio kunligis nin. Štajner pasigis dudek jarojn en koncentrejoj, sur la insuloj Soloveckij, en Noriljsk, ĉe Blanka Maro en Maklakovka.

Li revenis el Sovetunio al Jugoslavio en la jaro 1956. Laŭdire, Tito petis Nikolaon Sergeeviĉ Hruŝĉov serĉi lian kamaradon el junaĝo - Karlon Štajner: Oni trovis lin inter transvivintoj kaj ellasis lin.

Štajner post la reveno verkis libron pri siaj koncentrejaj spertoj. La libro ne povis dum pluraj jaroj esti eldonita. Du ekzempleroj de la manuskripto malaperis en la tirkestoj de partikomitatoj, kiuj devis decidi ĉu estus utile aŭ ne tian verkon eldoni. Unu ekzempleron de la manuskripto la aŭtoro retenis por si. Post ĉio kion li travivis, li ne volis kaŭzi politikan skandalon en la lando kies gvidantoj eltiris lin el Siberio.

Fine de la sepdekaj jaroj Frane Barbieri, redaktoro de la gazeto NIN (*kiu aperadis en Belgrado, noto de S. Š.*) sendis al mi kelkajn fragmentojn el la mansukripto de Štajner kaj petis min kompili specon de recenzo. Mi verkis rekomendon en la formo de letero. En vintro 1971 en Belgrado komencis aperadi fragmentoj el "7000 tagoj en Siberio". Poste estis presita la tuta libro, en Zagreb 1972.

Sekvis io kvazaŭ mirakla: ĵurio de iu el gravaj premioj, kiu portas la nomon de Ivan Goran Kovačić, pereinta en la partizana milito, akceptis mian proponon kaj elektis la aŭtoron de "7000 tagoj en Siberio" por laŭreato. Tia decido ne povis okazi sen malfacilaĵoj. La estraro de la gazeto "Vjesnik" ("Heroldo") *la atribuanto de la premio (noto de S. Š.)*, ne facile akceptis la decidon. Ili memorigis la membrojn de la ĵurio ke la marŝalo Tito ĝuste en la tempo kiam oni atribuas la premion veturas al Moskvo por renkonti Leonid Breĵnev: la soveta registaro povus la atribuon de la premio akcepti kiel provokon. Mi proponis al la ĵurio ne rezigni: mi proponis "peti opinion de la oficejo de la marŝalo". Venis la respondo: Štajner povas esti premiota, sed oni ne informadu pri tio ĝis kiam finiĝos la oficialaj interparoloj kun Breĵnev. Tito estis pli ruza ol liaj korteganoj.

La libro havis dudekon da eldonoj en Jugoslavio. Ĝi aperis pli frue ol "Arĥipelago Gulago" de Solĵjenicin, sed Štajner estis devigata ne permesi eksterlandajn eldonojn en fremdaj lingvoj. La libro estis tradukita nur poste kaj restis malpli konata.

Mi veturis kun Karlo Štajner en diversajn urbojn: mi parolis pri lia verko, li parolis pri gulago. Danilo Kiš (*fama jugoslavia verkisto noto de S. Š*) verkis antaŭparolon por la franca kaj la angla eldonoj.

Štajner ankaŭ publikigis la aldonon "Mano el la tombo" por kiu mi verkis antaŭparolon. En ĝi enestas partoj de mia letero, verkita en 1970, kompletigita dum niaj komunaj vojaĝoj kaj elpaŝoj. Tio estas la komenco de la leterrakonto, kiu ne severe sekvos kalendaron.

Mi sciis pri la manuskripto de "7000 tagoj en Siberio": iuj fragmentoj el ĝi cirkulis en la germana kaj la rusa (tiujn lingvojn la aŭtoro konis pli bone ol la kroatan) en Zagrebo kaj Belgrado. Mi timis ĉu ne temas pri iu speco de memuaroj kiajn verkas ekspolitikistoj. Al Ŝtajner, bonŝance, literaturaj ambicioj estis fremdaj.

"Mi prezentas la nurajn faktojn". Tio estis la granda avantaĝo de la libro: la literaturo kutime malbonigas tiajn atestaĵojn. Ŝtajner estis obsedita per alinatura vokiteco. "Mi portis nur unu deziron en mi: ĉion ĉi transvivi kaj al la tuta mondo kaj tute aperte al la partiaj kamaradoj kaj amikoj rakonti kiajn teruraĵojn ni elsuferis ... Tio estas la eta fragmento el tio kio efektive okazis. Se mi volus elrakonti ĉion kion mi travivis kun dekmiloj da homoj dum la dudek jaroj en la sovetiaj malliberejoj kaj koncentrejoj, mi devus havi supernaturan memoron." La memoro de Ŝtajner estas superhoma: li memoris tion, kion ĉiu homo emus forgesi.

Li naskiĝis en Vieno en modesta juda familio en antaŭurbo. Li perdis la patron dum la unua mondmilito - la patro pereis en Galicio. Li eniris Komunisman junularon de Aŭstrio. Li preskaŭ perdis la vivon sanginte, trafita per polica kuglo, sur la trotuaro de la strato Hoerigasse, dum li partoprenis en manifestacioj. La kamaradoj transportis lin al Jugoslavio. La partio trovis por li laboron en Zagrebo. En la jaro 1933 li transiris al Moskvo por labori ĉe Kominterno, ĉe la fako Internaciaj Rilatoj (Otdjel meĵdunarodnih snoŝeniji). Antaŭ ol li estis envolvita en purigojn de la jaro 1936, li konatiĝis kun la 16-jara knabino Sofia Jefimova Mojsejeva - Sonja. Dudek jarojn - 7000 tagojn, li pasigis en koncentrejoj. Sonja atendis lin. Ŝi perdis la infanon kiu naskiĝos dum la patro forestis, ŝi kaŝiĝis, timadis. Se ni parolus pri literarturo ĉi-loke ni memorus pri la edzinoj de dekabristoj (*la viroj partoprenintaj en la Movado "dekabro", noto de S.Ŝ.*) aŭ pri heroinoj de la rusa romano.

Karlo Ŝtajner en sia libro "7000 tagoj en Siberio" precize parolas pri ĉio kion li spertis kaj vidis.

Ni legis Antun Ciliga (1938) kaj "Bilanco de la soveta termidoro" de Živojin Pavlović (1940), la verkoj verkitaj nialingve. Ni legis ankaŭ verkojn ĉe ni ankoraŭ netradukitaj de Daljin kaj Nikolajevski, de Buben-Neumannova kaj Kravĉenko, ni legis "La krimoj de Stalin" de Lev Trocki. Sed tia verko kian verkis Ŝtajner ĝis hodiaŭ ne estis verkita. Ŝtajner etis en la lasta cirklo de la infero, li dum dudek jaroj turniĝis en tiu infero, kondamnita al ĉiuj specoj de puno, eĉ al la morto per pafado. Kondamnita al la vivo pli terura ol la morto. "Tio ne estas esprimebla per vortoj" li ripetis plurfoje, kiam mi la unuan fojon renkontis lin en Zagrebo en la jaro 1970.

Estas konata la kutimo de "iamaj komunistoj" (ĝi estis priverkita de Isaac Deutscher) ke, post kiam ili ĉesas defendi komunismon, per la sama maniero ili defendas la homaron de komunismo. Ili konsideras sin neerareblaj, samkiel ili antaŭe konsideris ke la Partio ne povas erari. Nenio simila al tio troveblas ĉe Ŝtajner. Li estas rehabilita ne nur pro *"bumaŝko"* * kiun li ricevis en Sovetunio, sed antaŭ si mem kaj ankaŭ antaŭ ni mem.

Oni ne povas prezenti ĉiujn valorojn de lia verko en tiu ĉi antaŭparolo: neniu kontraŭstalinisma propagando akuzus stalinismon tiel kiel li faras.

En la batalo en kiu venkas perdintoj, li fariĝas heroo de nia tempo. Eĉ pli ol tio: li instigas nin alimaniere pensi pri heroeco.

*Predrag Matvejević*
*(Esperantigis: Ŝtimec)*

* *bumaŝko* (de rusa: bumaga) rehabilitiga papero

# SHI CHENGTAI - LA TRADUKISTO KIU TRADUKIS "7000 TAGOJN EN SIBERIO" POR ĈINAJ LEGANTOJ

Por ke la traduko de "7000 tagoj en Siberio" povu okazi, meritiĝis japana esperantisto Kurisu Kei, kiun ni prezentis lastnumere. Li estas plumamiko de Shi Chengtai kaj li al sia ĉina amiko donacis ekzempleron de la libro "7000 tagoj en Siberio". Tiu verko post granda sukceso en sepdekaj jaroj en Jugoslavio, post pluraj tradukoj en la franca kaj la angla, aperis en Esperanto ĉe SAT en Parizo, en 1983 en traduko de zagrebano Krešimir Barković.

Ricevinte la libron donace, Shi Chengtai decidis ĉinigi ĝin. Helpis Kurisu kei per siaj leteroj kaj elektronikaj konsiloj. Kurisu Kei estis la perfekta konanto de la slava mondo en la dudeka jarcento, estante prestiĝa japana tradukisto el la ĉeĥa.

Kroata Esperanto-Ligo kandidatis en 2003 ĉe Ministerio pri kulturo por ricevi financan subtenon por eldono de la verko en la ĉina. La financa subteno ne estis ricevita. Ni trovis ankaŭ s-inon Sonja Ŝtajner, la vidvinon de la aŭtoro, al kiu la libro estas dediĉita; ŝi en granda aĝo loĝas en Zagrebo en sia hejmo. Amiko de ŝia familio, kroata verkisto Predrag Matvejević volonte disponigis antaŭparolon por la ĉinaj legantoj, kiun ni presas ĉi-numere.

Ĉina eldonejo kiu planas eldoni "7000 tagoj en Siberio" en la ĉina, postulis ke ni trovi financajn rimedojn por la verko, ni serĉas ĝin je diversaj flankoj.

Kurisu Kei estis la plej sukcesa: li havigis la necesan sumon ĉe Japana-Ĉina Societo en Tokio. Siajn reklaminformojn en la ĉina eldonejo planas publikigi UEA , SAT kaj Esperantlingva Verkista Asocio - EVA.

Shi Chengtai naskiĝis en aŭgusto 1939 en la urbo Tailai, en la plej norda provinco Heilongjiang de Ĉinio. Lia patrino estis estimata instruistino. Post diplomiĝo en Unua Supera Mezlernejo li daŭre memstudis en la korespondа kurso de la ĉinlingva fakultato de Harbina Porinstruista Instituto. En 1986 li estis honorigita pro elstara memstuda sukceso.

La juna Shi Chengtai laboris kiel meblisto. Post la Granda Kultura Revolucio en 1979 li fariĝis instruisto kaj direktoro de la Lernejo por Surdmutaj Knaboj en la urbo Tailai. Li estis membro de Kompartio de Ĉinio kaj komitatano de la provinca Eduka Asocio.

Li eklernis Esperanton en 1957 kaj fariĝis favora movadano. Membo de UEA kaj EVA, prezidanto de Kikihara Esperanto-Asocio. De la jaroj 1995-1996 li estas redakciano de la gazeto "La Mondo". Vicĉefredaktoro de la gazeto "Projektado en Ĉinio".

Dum li ripozis de la tradukado de la postulemaj paĝoj de "7000 tagoj en Siberio", li okupiĝis pri - tradukado de "Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić". Li esperas ankaŭ por tiu verko trovi eldoniston en Ĉinio. Li lanĉis projekton de tradukoj de pluraj verkoj el la kroata infana literaturo.

*S. Ŝtimec*

# POKALO KOSTRENA

**por la plej bona kono de Esperanto inter la lernantoj de kroataj elementaj lernejoj estis atribuita en Esperanto-Domo en Kostrena la 30-an de majo 2004**



**Gajnintoj:**

***Kategorio "A": Komencantoj***
1. Dragan Ilišinović el Elementa lernejo Retkovec, Zagreb
2. Ana Valjak el Elementa lernejo Mladost, Zagreb
3. La tria premio ne estis atribuita

***Kategorio "B": Progresintoj***
1. Tea Šimičić, Elementa lernejo Mladost, Zagreb
2. Maja Glodić, Elementa lernejo "Mato Lovrak", Zagreb
3. Valentina Marinović, Elementa lernejo Mladost, Zagreb

Pokalojn Kostrena en kategorio A kaj ketegorio B gajnis Elementa lernejo Mladost, Zagreb.

*Elkorajn gratulojn!*